# Esperantisto Slovaka

II-a jarkolekto
Numero 16
Oktobro 1947



Redakcio kaj administracio:
Trenčín, Kukučínova 1524
ČSR-Slovakujo





KOŠICE. Katedralo de S. Elizabeto

# KOŠICE

La bela ĉefurbo de la orienta Slovakujo estas situita apud la rivero Hornád (211 m super la mar-nivelo), ĉirkaŭita de arbaraj montoj. Sur la teritorio de la nuna urbo vivis jam prahomoj en la ŝtona epoko, kion atestas trovitaĵoj el tiu tempo. En la mez-epoko estis Košice jam fama urbo. El ĝiaj antikvaj lingvaj memoroj restis sole ĝia nomo. Tiu devenas de la slava vorto košica (kano), montrante, ke la tiama teritorio apud la rivero estis kana.

La plej antikva en originalo konservita dokumento pri la urbo estis skribita en la jaro 1261. Laŭ tiu dokumento ekzistis tiam du kolonioj: „Cassa" kaj „Superior Cassa". Super la urbo altiĝas la monto Hradová, sur kiu staris dum jarcentoj la plej vasta kastelo de la Karpatoj: Sokola. Sub la ŝirmo de tiu kastelo evoluis Košice kiel subkastela komunumo, pli poste la supra kaj la malsupra Košice kunfandiĝis kaj en la tempo de la habsburgaj militoj la subkastela Košice tute malaperis.

Košice havis jam en la XII-a jarcento preĝejon de Sankta Elizabeto kaj malsanulejon. La reĝa komunumo „villa regia" ĉiuflanke rapide evoluis. En la XIV-a jarcento ĝi estis ofte vizitata de la reĝoj de Hungarujo kaj Polujo, kaj post la morto de la reĝo Alberto la urbo fariĝis dum jardekoj militkampo inter la Habsburganoj kaj la Jagellanoj. Tiuj militoj tiel konsumigis la kastelon, ke restis de ĝi nur la fundamentaj muroj. La plej potenca defendinto de la urbo estis Johano Jiskra de Brandys, kiun Elizabeto, la vidvino de la reĝo Alberto komisiis pri la defendado. Li fortikigis la urbon tiamaniere, ke ĝi povis kontraŭstari ĉiujn atakojn de la Jagellanoj.

En la jaro 1556 incendio tiele detruis la urbon, ke restis en ĝi nur 30 uzeblaj domoj. En 1567 aŭdiĝis unuafoje la triumfaj krioj de la turkaj hordoj antaŭ la fortikaĵoj de la urbo, post kiam ili jam prirabis la tutan ĉirkaŭaĵon. De tiu tempo la urbo estis ofte sieĝita; la lasta sieĝo okazis en la jaro 1710 per la kurucoj. Tiam la urbo sekve de la konstantaj bataladoj kaj de la pesto estis jam treege ruinigita. La kurucoj elrabis kaj bruligis la antaŭurbojn kaj elhakis eĉ la fruktarbojn.

En 1713 oni komencis plastri la stratojn de la urbo. Pluraj incendioj donis ankaŭ okazon al la konstruado de novaj domoj. Komence de la XIX-a jarcento estis detruitaj la multopaj fortikaĵoj, la pordegoj kaj bastionoj, el kiuj restis la ekzekutista bastiono, la bastiono en la Zbrojnická strato kaj la sudorienta bastiono. La jaro 1831 alportis ĥoleron, kiu ekstermis dekonon de la urbanoj. En 1834 vizitis tertremo la urbon kaj faris

tian domaĝon, ke ankaŭ la katedralo difektiĝis tiel, ke ĝi devis esti apogita per feraj traboj, por ke ĝi ne tute disfalu. Inter la multaj inundoj kaŭzis tiu de la jaro 1846 ankaŭ je la katedralo grandajn difektojn. Tial oni rekonstruis la katedralon en la jaroj 1871—1896.

La unua presejo komencis sian agadon jam je la fino de la XVI-a jarc. En 1856 estis la urbo aligita al la telegrafa reto de la mondo kaj en 1860 alvenis la unua vagonaro al Košice. La plej grandan evoluon travivis la urbo dum la daŭro de la Ĉeĥoslovaka respubliko. Vastaj kvartaloj ekestis, la nombro de la domoj duobliĝis, la stratoj atingis la nombron de proksimume 400. Košice havas multajn unuagradajn lernejojn, burĝajn lernejojn, gimnaziojn, industrian lernejon, komercajn lernejojn, komercan, agronomian, arbarteĥnikan akademiojn kaj akademion por geintruistoj, faklernejon por virinaj metioj, lernejon por flegistinoj, por surd-mutuloj ktp.

Speciala vidindaĵo de la urbo estas la jam menciita katedralo de Sankta Elizabeto. La menciita incendio de la jaro 1556 estis tiel granda, ke eĉ la sonoriloj de la norda turo fandiĝis kaj el iliaj restaĵoj farigis la urbo la sonorilon de Urbano, kiu pro sia grandeco kaj pezo jam ne povis esti lokita en la turo. Tial ili konstruis je la norda flanko de la katedralo la Urbanturon, en kiu pendas nun la sonorilo.

Ceteraj vidindaĵoj estas la nacia teatro, la antikva urba domo kun la granda urba biblioteko kaj la urba kelo, la orientslovaka muzeo, en kies korto staras antikva ligna grek-katolika preĝejo el la jaro 1741, la antikva urba malliberejo kun muzeo, la antikvaj tombejoj sur la Kalvario- kaj Rozalio-monto kaj la granda centra tombejo kun ampleksa tombejo de herooj, la placo de legianoj kun la heroa monumento de la batalmortintaj rusoj.

Por turistoj kaj naturamantoj prezentas Košice riĉan elektadon. Proksime al la urbo estas la urba banejo kun sulfura fonto (haltejo de la tramo). Norde de la urbo estas la belega Črmel-valo kun multaj promenejoj tra la arbaro. Unu kondukas al la ekskurs-loko Bankov (406 m) kun granda hotelo kaj kapeleto, de kie oni havas belan perspektivon al Košice. Alia vojo kondukas ĝis la ripozejo de la turista societo. De tie oni povas daŭrigi la vojon al Jahodná (563 m) kun la rifuĝejo Ottilia, pluen al Predná Holica (950 m) kun la rifuĝejo Ludoviko kaj kun aspekto-turo, de kie oni povas vidi la Tatrojn. De tie ni iras pluen al la plej alta pinto de la ĉirkaŭaĵo de Košice, al la alpo de Kojšov (1248 m), ĉe kies bazo estas la rifuĝejo Erika kun belega perspektivo al la Tatroj. Je la dekstra flanko de la valo oni atingas la reĝan fonton (820 m) kaj

de tie oni povas daŭrigi la vojon al la Šivec (784 m). De tie ĉi oni ĝuas nedireble belan perspektivon nordokcidenten ĝis Branisko, oriente ĝis la altaĵoj de Slanec kaj norde ĝis la kastelo de Veľký Šariš.

Per aŭtobuso ni povas viziti la banlokon Herlany kun la fama malvarma gejsero, kiu en intertempoj de 22—30 horoj elŝprucas el la profundaĵo de 404 m salacidan akvon ĝis la alteco de 30—40 m. Plue la stalaktitan groton en Jasov, la belegan valon de Zádiel kun rifuĝejo kaj la Izra-lagon apud Slanec.

Tiuj estas nur kelkaj de la multaj ekskurslokoj en la ĉirkaŭaĵo de nia urbo. Do Košice estas favorata por esti renkontejo de la amantoj de antikvaĵoj kaj turismo, kaj ĝi meritas, ke la vasta medio eksciu tion. Por la venonta jaro estas projektata granda tutlanda industria ekspozicio en nia urbo kaj samtempe okazos tie ĉi — laŭ la decido de la ĝenerala kunveno de SES — Dua Tutslovaka Esperanto-Kongreso. Ni esperas, ke ankaŭ multaj eksterlandanoj ekkaptos tiun okazon kaj ĝojiĝos nin per sia vizito. A. D. K.

## La evoluo de Košice

Ĉiu politika, kultura kaj ekonomia vivo de la orienta Slovakujo gravitas al Košice, per kio ĝi fariĝis metropolo de la orienta Slovakujo. Reĝo Bela IV. donacis en la jaro 1278 al Košice urban bullon, sed ekzistas ankaŭ pli fruaj dokumentoj pri la urbo. La loĝantaro de Košice elvenis ĉefe el la slovaka ĉirkaŭaĵo de la urbo, sed venis koloniistoj ankaŭ el la distriktoj Abauj, Zemplin kaj Spiš. Ne mankis eĉ koloniistoj el Liptov kaj el la okcidenta Slovakujo. Tiel fariĝis Košice slovaka, kvankam post la invado de la tataroj la novaj koloniistoj donis al Košice germanan eksteraĵon. Hungaran eksteraĵon ricevis Košice iom post iom post la aŭstria-hungara interkonseto de la jaro 1867, kiam komenciĝis la magiariga influego per la lernejoj, la oficoj kaj precipe ankaŭ per la eklezio. Je tio kunhelpis ankaŭ diversaj politikaj influoj. Malgraŭ tio Košice tamen progresis ekonomie kaj kulture, kaj konservis la unuan lokon inter la orientslovakaj urboj.

Ekonomie estis Košice sufiĉe memstara kaj politikaj influoj kunhelpis ankaŭ la evoluon sur la kultura kampo. La jaro 1918 trovis la urbon en ruinigita nacia situacio, sed Košice, entutigita en la Ĉeĥoslovakan respublikon, rapide sin levis kaj ree ludis tre gravan rolon en la tuta orienta Slovakujo. Ĝi fariĝis la dua plej granda urbo en Slovakujo, precipe per sia loĝantaro de proksimume 80.000. Ĝi estis la pordego de la tuta oriento de la respubliko kaj de la Subkarpata Rusujo. La kon-

struo-movado, la ekonomia, politika kaj kultura evoluo de Košice progresis nehaltigeble. Košice havis ĝis tiu tempo malmulte da slovakaj inteligentuloj, slovakaj oficistoj kaj instruistoj. Sed post la jaro 1918 la antaŭa stato rapide ŝanĝiĝis. Malfermiĝis multe da diversspecaj lernejoj, en Košice loĝiĝis multaj centraj administraj oficoj ktp. Tiu ĉi turno havis tre favoran influon al la plua sukcesa evoluo de la urbo, kiu daŭris ĝis la jaro 1938, kiam Košice ree estis malhelpita en sia supreniro per la internacia politika situacio, kaj laŭ la diktato de Vieno ĝi estis denove aligita al Hungarujo.

La slovakan karakteron de la urbo oni do ne povis plu forviŝi. La dudekjara daŭro de la Ĉeĥoslovaka respubliko postlasis en Košice siajn postsignojn de la demokracio kaj de la progreso. Aligita al Hungarujo, Košice tamen suferis je sia evoluo, ĉar ĝi estis detranĉita de sia ĉirkaŭaĵo, kaj tiamaniere fariĝis la antaŭa centro de la tuta orienta Slovakujo nur provinca urbo de pensiuloj malpublike vivantaj. Sed post la venko de la unuigitaj armeoj la per la milito ne detruita urbo denove revenis en la restarigitan Ĉeĥoslovakan respublikon.

Ĉiu milito postlasas siajn ekstermajn postsignojn. La ekstermanta mano de la milito ektuŝis ankaŭ la urbon Košice, kvankam ne en formo de detruitaj domoj. Do la urbo ree ekleviĝis kaj tuj post la preteriro de la fronto ĝi fariĝis sido de la registaro, de la slovaka nacia konsilantaro, kaj je la alveno de la prezidento de la respubliko el la ekzilo, Košice estis ankaŭ la restadejo de la ŝtatestro. En Košice fondiĝis ankaŭ la nova bazo por la reciproka kunvivado de la ĉeĥoj kaj la slovakoj, kiu estas nomata „la regna programo de Košice”. Per la aligo de Subkarpata Rusujo al USSR Košice perdis nenion de sia signifo. Ĝi estas denove la metropolo de la orienta Slovakujo, kaj ni esperas, ke ĝia signifo ankoraŭ pli kreskos.

Košice havas la kapablecon gajni la favoron de ĉiu, kiu eĉ nur hazarde vizitas la urbon. Kiam la vizitanto forlasas lace la vagonaron, li tuj estas refreŝata en la parko de la urbo apud la stacidomo. Sur la rekta vojo en la urbon li estas ravita per la pentrinda aspekto de la belega katedralo, kiu estis konstruita en gotika stilo en la 14—15-a jarcento. Apud la katedralo estas parko kaj tie prezentas sin la konsiderinda konstruaĵo de la Nacia teatro. Ne malpli agrablan impreson faras la konstruaĵo de la militista komandantejo, la muzeo kaj la poŝta palaco, kiu estas eble la plej moderna de la tuta centra Eŭropo. La belaĵojn de Košice oni ne povas elĉerpi en unu sola artikolo. Sed mi estas konvinkita, ke kiam vi venos al Košice, vi certe ekamos ĝin kaj konservos en via koro karan memoron al la metropolo de la orienta Slovakujo. Vl. M.

# Patro nia

Esperantigis kaj versigis: Dro VILHELMO AUSTERLITZ

Patro nia,
Via gloro surradias nian teron, horizonton,
Kun saĝeco senekzempla estras Vi la tutan mondon.

Kiu estas en la ĉielo
Kaj super ĉiuj steloj tronas en brilega lumo, pompo,
Gardu nin dum nia vivo kaj postmorte en la tombo.

Via nomo estu sanktigita.
Vian bonecon de niaj lipoj kantoj laŭdas, psalmoj honoras,
Pepado de birdoj, abelzumado, ĉio Vian potencon gloras.

Venu Via regno,
Alvenu do, ni ĝin atendas, regnon senkulpan, senkriman,
Vivon de kunula amo, feliĉplenan, bonaniman.

Plenumiĝu Via volo,
Fariĝu ĉio laŭ Via volo, laŭ Via deziro kaj intenco,
Dependas ja nia tuta havo de Via decido kaj potenco.

Kiel en ĉielo, tiel ankaŭ sur la tero,
Ĉiujn Vi kreis estaĵojn en akvoj, aero kaj surtere,
Al Vi obeas eĉ la suno, leviĝanta matene, subiranta vespere.

Nian panon ĉiutagan donu al ni hodiaŭ,
Sendu pluvon, sunradiojn al nia kampo kaj ĝardeno,
Estu panodona, fruktoporta Via fervoro, Via beno.

Kaj pardonu al ni niajn ofendojn,
Genuflekse ni Vin petegas, estu al ni kompatema,
Al ni pekuloj, mizeruloj: malsevera, indulgema!

Kiel ankaŭ ni pardonas al niaj ofendintoj.
Observu ni Kristan ordonon, plenan havu ĝi efikon:
Ne koleri, ne ofendi, ami ankaŭ malamikon!

Kaj ne konduku nin en tenton,
Sed donu al ni kapablecon kontraŭbatali la allogon,
Kaj en sankta la biblio serĉi konsolon kaj apogon.

Sed liberigu nin de la malbono,
Ŝirmu nin de malfeliĉo, de turmento kaj sufero,
De ĉagreno kaj funebro, de milito kaj mizero! Amen.



Dro EDVARD BENEŜ,
*prezidento de Ĉeĥoslovaka respubliko,*

*kiu ankaŭ simpatias kun esperantista movado, eĉ dum ĉi aŭtuno pasigis kelke da semajnoj en slovaka urbeto Topoľčianky.*

J. G.: 

## La ekonomia vivo kaj situacio de Košice

De la ekonomia vidpunkto havas Košice inter la ceteraj orientslovakaj urboj la plej favoran situacion kaj tiel ankaŭ la plej grandan ekonomian gravecon. De la montaroj kovrantaj la orientan Slovakujon kondukas tien ĉi la plej granda vojo tra la valo de Hornád kaj de tie ĉi ĝi disiĝas al ĉiuj flankoj. Tra la vasta Hornád-valo enpenetras la suda ebenaĵo profunde en la Karpatojn kaj ĝuste Košice estas la loko, kie sin kontaktas la produktaĵoj de la ebenaĵo kaj de la montara regiono. Ankaŭ ĝia industria vivo estas evoluita, ĉar ĝi unuigas la agronomiajn kaj la mont-regionajn industriojn kaj sekve de tio estas tie ĉi ankaŭ vigla komerca interrilato. Tiu ekonomia vivo karakterigis la urbon jam de la plej frua nov-epoko ĝis la fino de la unua mondmilito, kaj dum nia unua Respubliko la ekonomia vivo komenciĝis prosperi konforme al la modernaj postuloj. La administraj centroj de la orienta Slovakujo ekloĝis tie ĉi, per kio la nombro de la loĝantaro tre kreskis. Por la loĝigado de la publikaj oficistoj ekestis je la periferio de la urbo tute novaj kvartaloj. Oni konstruis tri-, eĉ kvar-etaĝajn dom-blokojn, familiajn domojn kun ĝardenoj kaj kamp-domojn. La egaj konstruadoj vigligis la financan staton, kio montriĝis en la ekesto de multaj bank-filioj. Post la certigo de la loĝejoj komenciĝis la konstruado de laborejoj kaj de publikaj oficejoj. Estiĝis lernejoj, juĝejoj, polica kaj poŝta palacoj, kazerno por la fajrobrigado kaj negoc-domoj.

Konservante sian industrian kaj precipe sian komercan karakteron, Košice evoluis ankaŭ je urbo de oficoj kaj lernejoj. Do la konstantan supreniron montranta ekonomia vivo de la urbo estis interrompita per la ekposedo kaj la dua mondmilito.

La ekonomia sang-cirkulado post la pasinta milito nur malrapide rekomenciĝis, sed la urbo, kiun Dio per aparta zorgo kaj graco ŝirmis kontraŭ la kruela ruinado de la milito, jam regajnis sian antaŭan aspekton.

La grandaj industriaj entreprenoj: la fabriko de la Franck-kafo, la bierfarejo, la malt-farejo, la tegol-farejo, la magnezit-fabriko, la fabrikoj de speguloj, maŝinoj, margarino, sapo, vinagro ktp. ree laboras, eĉ novaj fabrikoj estiĝis. La grandaj industriaj entreprenoj el la ceteraj urboj de Slovakujo malfermis tie ĉi unu post la alia siajn magazenojn de mebloj, ŝuoj, vestoj, sukeraĵoj ktp.

La nuna formado de la ekonomia vivo de Košice certigas al ĝi ankaŭ estonte la superregadon en la orienta Slovakujo sur la ekonomia, kiel ankaŭ sur la spirita, politika kaj arta teritorioj, ĉar la sola certa bazo de ĉiu sana viv-maniero estas finfine la normala ekonomia situacio kaj la ekonomia bonstato.

# La homo kaj lia universo

Laŭ la raporto de la Biblio Dio kreis la homon „laŭ Sia bildo, laŭ la bildo de Dio Li kreis lin". Tio neniel povas signifi, ke Dio similas laŭforme al ni kaj ke ni imagu Dion kiel homan personon. Tiu falsa opinio kondukis la homaron al la idolismo, ĉar „pretendante esti saĝaj, la homoj malsaĝiĝis kaj ŝanĝis la gloron de la senmorta Dio en bildon de mortema homo"... La vero pri Dio estas, ke Li estas Spirito, la Centro de ĉiu vivo, el kiu ĉiu vivo elfluas kaj en kiun la vivo ree refluas, por denove elflui. Tio estas senĉesa, eterna vivo. Do la volo de Dio estas eterna vivo por ĉiuj Siaj kreitaĵoj, t. e. por la tuta universo.

Je la kreado de la homo Dio intencis fari lin similan al Si, kreinte por li etan universon, la teron, el kiu li mem estis farita, kaj diris al li: „Fruktu kaj multiĝu, kaj plenigu la teron kaj submetu ĝin al vi, kaj regu super la fiŝoj de la maro kaj super la birdoj de la ĉielo, kaj super ĉiuj bestoj, kiuj moviĝas sur la tero." Kio la granda universo kun ĉiuj siaj kreitaĵoj estas por Dio, same tio devus esti nia mondo kun ĉiuj siaj kreitaĵoj por la homo, kaj kiel la tuta universo estas konservata per la vivo elfluanta de Dio, tiel Li donis potencon ankaŭ al la homo, ke ĉiu al li submetita kreitaĵo estu konservata per lia influo. La reciprokon de la vivo kaj de la influo ni povas observi en la tuta naturo. Tio estas la bazo de la paco. Tia estis la origina stato en la tielnomata paradizo, la ĝardeno Edena. Tie vivis la homo kun ĉiuj kreitaĵoj en perfekta paco. Ili servis sin reciproke al la vivo.

Sed la malbonulo interrompis tiun staton, li delogis la homon al la malobeo al tiu natura leĝo, trompinte lin, ke li ne devu servi al sia ĉirkaŭaĵo, sed estri ĝin. Kaj la konsekvenco de tio estis la malpaco. Per la malobeo al la natura leĝo la homo estis difektita, li ne povis plue influi sian mondon perfekte, sekve ankaŭ lia ĉirkaŭaĵo jam ne povis redoni al li perfektan vivon, kaj la daŭrigo de tiu situacio kondukis al la morto. La morton sekvis la mortigo de homoj kaj bestoj, kaj la malpaco kreskis kaj plimultiĝis ĝis la nuna tempo.

Hodiaŭ ni klare vidas la rezultojn de la malpaco: ega mizero kaj malsato en la tuta mondo. Kial? Kio estas la kaŭzo de tio? Oni devus do pensi, ke se multaj milionoj da homoj pereis dum la lasta mondmilito, la restintoj ja devus havi sufiĉe da nutraĵo! Kial ni vidas la kontraŭon? Nu, la respondo estas tre simpla. Per la falo de la homo, per lia disiĝo de la vera vivo, ankaŭ la tuta al li submetita kreitaĵo estas partoprenanta la saman sorton. Do la difektita naturo jam ne povas doni al ni tion, kion ĝi donis

kiel perfekta. Ju pli granda la difektado, des pli malgranda la kapableco. Tion ni povas pruvi ĉiutage: malsana aŭ operaciita homo ne povas efektivigi tiun laboron, kiun la sana efektivigas. Ju pli granda la operacio aŭ la malsano, des pli malgranda la laborkapableco. La samo valoras ankaŭ por nia tero. Tial diras la profeto: „La tero estas malpurigita de siaj loĝantoj, ĉar ili malobeis la instruon, ŝanĝis la leĝon, detruis la eternan interligon; pro tio malbeno konsumis la teron."

Ni jam ne povas atendi plibonigon de tiu situacio, ĝis la homaro ne ekvekiĝos kaj rememoriĝos sian originan leĝon: en amo servi unu la alian. Nur per tio li povas restarigi sian etan universon, por ke en ĝi ree regu la paco. Ĉar ankaŭ Dio oferis en amo Sian Filon por repacigi la tutan universon, kiu same estis difektita per la falo de nia mondo.

Jen nia granda agadkampo. Ĉar ni estas vokitaj de Dio por batali kiel pacigaj batalantoj kontraŭ la malkompreno kaj la malpaco inter la homaro, por ke ĉesu la mortigado de homoj kaj bestoj kaj ekstariĝu ree la Edena stato sur la tero, en kiu la homo kun sia universo fariĝos unu kun Dio kaj Sia universo por eterne.

Deka.

## INTERNACIA KOMERCA UNIO.

Al praktika enkonduko de esperanto en komercon, industrion kaj bankojn, samideanoj-komercistoj kaj fabrikistoj fondis INTERNACIAN KOMERCO-UNION. La celo de I. K. U. estas plifaciligi la eksporton kaj importon de varoj inter unuopaj landoj kaj en sia komenco ĝi havas agentejojn jam en pli ol 30 landoj. Gesamideanoj, bonvolu partopreni kaj informu entreprenojn, kiuj ankoraŭ havas neniun esp. korespondanton, ke ili povas uzi niajn servojn! Ĉar uzebla estas nur esperanto, redakcio de E. S. kaj agentoj de I. K. U. tradukos ĉiun leteron kaj respondos viajn demandojn. Rekomendu al ĉiuj eksportistoj kaj importistoj, eĉ neesperantistoj, ke ili anoncu siajn produktaĵojn en „ESPERANTISTO SLOVAKA". La kondiĉojn de redakcio vi ricevos poŝtrevene!

La komercajn informojn vi petu de Sro Jaromír Pavlacký, loka agentejo de I. K. U. en Veselí nad Moravou, ČSR.

Petu proponojn de entreprenoj, kies anoncojn ni publikigis en antaŭaj numeroj! Ne forgesu: Esperanto fariĝos vera mondlingvo nur tiam, kiam ĝi estos uzata kiel komerclingvo!

---

Se fajro kaj akvo, kiuj estas malamikoj, interkonsentas pri kunlaboro, eĉ la plej longa vagonaro ekmoviĝas de sia loko.

# Aleksis Kivi

Helvi Peltonen, Jokioinen, Luodesuo, Finnlando.

Per „Esperantisto Slovaka” mi havas ĝojon kaj honoron sendi korajn salutojn el Finnlando al ĉiuj slovakaj kaj ĉeĥaj gesamideanoj, same kiel al tutmonda esperantistaro.

En mia artikolo mi rakontos al vi ion pri la plej konata kaj la plej amata verkisto de la finna popolo — Aleksis Kivi, kaj pri lia ĉefverko „Sep fratoj”. La afero estas precipe nun aktuala, ĉar la menciita verko aperos dum tiu ĉi somero* aŭ plej malfrue dum tiu ĉi aŭtuno eĉ esperante, tradukita de Martti Ekström.

La vivlaboro de A. Kivi estas nedisputeble la fundamento de la finna artliteraturo. Per ĝi la finna romano, dramo kaj parte eĉ poezio leviĝis al artoplena nivelo, al nivelo tiel alta, kiun ĝis tiam neniu atingis.

Aleksis Kivi naskiĝis en Nurmijärvi en la jaro 1834 kiel filo de malriĉa tajloro. Li obeis sian internan, nereteneblan krean devigon meze de severaj malmildaj cirkonstancoj, malgraŭ tio, ke li estis premata de malsato kaj malriĉeco. Plejmulte korpremis lin tamen la malmildaj kritikoj de la samtempaj literaturkritikistoj, ĉar iliaj kritikoj pri la „Sep fratoj” estis tute subpremigaj. Pro tio lia sano fine tute rompiĝis kaj li venis kiel almozulo de la komunumo Nurmijärvi al la familio de sia frato. Jam spiritmalsana, li vivis tie ĉi, estante prizorgata de sia frato ĝis morto en 1872.

„Mi vivos”, estis liaj lastaj, profetaj vortoj. Kaj vere — Kivi vivas eterne en siaj verkoj kaj lia nomo neniam malaperos el la folioj de la finna literaturhistorio.

La ĉefverko de Aleksis Kivi „Sep fratoj” estas unu el la plej rimarkindaj kamparanaj romanoj de la tutmonda literaturo. Ĝi rakontas pri la evoluo kj interna kresko de la sep filoj de Jukola bieno. Komence de la romano ili estas plene en sovaĝa stato, ilia eduko estas malzorgita, ĉar ilia patro estas mortinta; ili estas maldiligentaj, obstinaj kaj malsocialaj; siajn rajtojn ili havigas al si per pugnoj kaj spirite tute malsuperas. En la malmilda lernejo de la vivo ili lernas forlasi malvirton post malvirto, antaŭjuĝon post antaŭjuĝo kaj fine ili fariĝas ekzemplaj, taŭgaj civitanoj kiuj honeste plenumas siajn taskojn. Por sia ledeco kaj obstineco ili ricevas la rekompencon de dezerta laboregulo: vidi en sia cirkaŭjo ondantajn grenkampojn. Samtempe ili devas forlasi sian spiritan sovaĝecon.

* Tiun ĉi artikolon ni ricevis en printempo 1947.

Konatiĝi kun la eltrovaĵo de Guttenberg signifas por ili malfacilan batalon. Ĝi kostas ilin tiom da ŝvito kiel la sekigo de marĉoj. Sed la celon ili atingas, ĉar ĝi d e v a s esti atingita.

En la „Sep fratoj" estas reprezentataj la fundamentaj trajtoj de la finna popolkaraktero. Obstineco (oni ne povas devigi ilin, sed post raciaj kaŭzoj kaj interkonsiliĝoj ili estas pretaj al grandaj faroj), serioza vivkoncepto, rezultanta el la malfacila lukto kontraŭ malsato, malvarmo kaj malamikoj — sed tamen ankaŭ vivjesa humoro, kiu ekbrilas ankaŭ meze de la plej malĝojaj tempoj.

Kivi konatigas la leganton samtempe kun finna pejzaĝo, finnaj popolkutimoj kaj la finna banejo sauna. La evoluaj stadioj de la sep fratoj prezentas skizon pri la evoluo de la finna kamparo depost la jaro 1850 ĝis nuntempo.

Eble nun, kiam la verko „Sep fratoj" aperos esperantlingve, ĝi trovos amikojn ankaŭ ekstere de finnaj limoj — eĉ tie, kie ĝi ne povis trovi ilin en nacilingva traduko.

# ENLANDA MOVADO

TREBIŠOV. Estis fondita „Loka grupo de SES" je ĉeesto de 30 gesamideanoj. Funkciuloj: Tibor Mihaliĉ, prezidanto; R. Stibar, sekretario; Milada Čičátková, kasistino.

BRATISLAVA. En semajna gazeto „Slovenský svet" finiĝis antaŭ kelke da semajnoj la konkurso pri „La plej bona esperantisto de »Slovenský svet«.

PREŠOV. La 20-an de septembro ĉi jare estis fondita „Loka grupo de SES" en la konfitejo de sro R. Lukáč. Komitato: Andrej Beisetzer, revidento de ČSD, prezidanto; direktoro K. Lukáč, vicprez.; profesoro Ondrej Sninčák, sekretario. — La porinfana gazeto „Priateľ dietok" eĉ en novan jarkolekton envicigas esp. kurson por la plej junaj gesamideanoj.

BRNO. Esperantista klubo en Brno preparis riĉan programon por sept.-decembro 1947. La kunvenoj okazas ĉiun mardon je la 20-a horo en hotelo „Passage", Lidická 23.

JIČÍN. S-ano pastro Ján Filip forflugis la 18-an de julio al Dublín por prelegi esperante pri Ĉeĥoslovakujo en Irlando, Britlando, Nederlando kaj Belgujo.

HRADEC KRÁLOVÉ. S-ano Josef Vítek ricevis inviton por prelegi en Danlando, Norvegujo, Islando, Finnlando kaj Svedujo. Lia rondvojaĝo daŭros kvin monatojn kaj certe estos sukcesplena.

PLZEŇ. Esperantistan rubrikon en gazeto „Stráž českého západu" gvidas s-ano Rudolf Zvěřina.

# SVIT,

## la industria metropolo de Altaj Tatroj

En la antaŭaĵo de famekonataj Altaj Tatroj situas la juna industria metropolo SVIT. Antaŭ 12 jaroj nur du aŭ tri dometoj staris sur la ŝtonaj herbejoj, kie ŝafoj kaj bovoj paŝtadis sin. Nun staras tie ĉi fabrikaj konstruaĵoj kun hotelo kaj aro da loĝdomoj por gefraŭloj kaj familioj. 4.500 da gelaboristoj — en du jaroj ili estos jam 6.500 — fabrikas artefaritan silkon; celofanon, tolaĵon; ŝtrumpojn kaj ŝtrumpetojn, kiuj produktaĵoj estas vendataj en niaj propraj vendejoj.

La edukadon de modelaj kunlaborantoj prizorgadas entreprena lernejo, kies ĥemia, trika, maŝina, komerca kaj vendista departementoj donas al ni ĉiujare novajn fortojn, el vicoj de junularo. Tage, post sia laboro, vizitadas ili la lernejon, por pretigi sin al gravaj postenoj laŭ siaj plaĉoj.

La fabriko havas siajn kuracistojn, kiuj zorgas pri malsanuloj kaj kontrolas la manĝaĵojn, loĝejojn, esplorante samtempe la eblajn danĝeraĵojn de la laboro. Al entrepreno apartenas granda moderna hotelo kun kino, ludĉambro; legejo kun slovakaj, ĉeĥaj kaj fremdlingvaj gazetoj; kafejo kun ĉiutagaj koncertoj kaj oftaj artistaj programoj. Ĉiun duan semajnon aperas en Svit gazeto kun regula priesperanta rubriko. La gazeto pli kaj pli fariĝas la parolilo de la tuta regiono.

Pretaj estas la planoj de nova stacidomo, granda sportejo kaj kovrita naĝejo kun varmigita akvo. Ekde la unua septembro funkcias Instituto de studoj, kie okazas kursoj, ekspozicioj, prelegoj ne nur por la personaro de Svit, sed ankaŭ por la loĝantaro de la ĉirkaŭaĵo. Specialaj kursoj pri turismo kaj esperanto apartenas al nia regula programo.

Precipe esperanto havas ĉe ni grandajn eblecojn. Pro tio, se vi bezonas pluajn detalojn pri Svit kaj Altaj Tatroj, skribu al ni. Sendadu por nia esp. rubriko sciigojn kaj esperantaĵojn, kiujn ni intencas uzi okaze de esperantista ekspozicio. Same varbilojn, hotelprospektojn, turismaj afiŝojn, ktp. ni danke akceptos por granda arkivo kaj biblioteko. Se ni ricevos interesajn artikolojn pri fremdaj landoj, ili estos tradukitaj kaj aperigitaj en nia fabrika gazeto.

Dro Ed. Sahliger.

---

## Ĉu malkovro de la sekreto de Stradivari?

En lastaj tagoj mondfamiĝis nova slovaka nomo, kiu estos prononcata en rilato al la famaj nomoj de Stradivari kaj Guarneri.

En urbo Banská Bystrica vivas iu Jozefo Dobrozemský, kiu eble malkovris la sekreton de tiuj ĉi plej grandaj konstruistoj de violonoj. Do la sekreto, kiun Stradivari kunprenis kun si en la tombon, estis nun, kelkajn jarcentojn poste solvita de homo ĝis nun nekonata.

Dobrozemský naskiĝis en Vieno, kie lia patro estis poŝtoficisto. Ĉi tie la juna Dobrozemský lernis la konstruadon de violonoj, ĉe la fama violonkonstruisto Jaur. Li decidis serĉi la sekreton de la malnovaj italaj majstroj kaj post 23 jara diligenta esplorado Dobrozemský ekkonis, ke la kvalito de violono ne dependas sole de la aĝo kaj la denseco de la ligno; sufiĉas, se la ligno estas 10 jara kaj seka. Lako ja ŝanĝas la sonon de la violono je duontono, sed ne influas ĝian laŭtsonecon. Dobrozemský agordas la tonojn laŭ bazo harmonio-akustika. Li serĉas la lokojn kie formiĝas kaj resonas harmoniaj tonoj. La procedon de agordado li volas patentigi.

Pri violonoj, faritaj de Dobrozemský, estas granda intereso. La fakuloj, kiuj aŭdis liajn instrumentojn, estas ravitaj. Post la ricevo de la patento Dobrozemský ekkomencos la fabrikadon de violonoj, intencante fari 25 da ili dum unua jaro.

Antaŭ nelonge lin vizitis amerika grandkomercisto, kiu faris al li tentan proponon por vendo de la patento al Ameriko. Dobrozemský rifuzis la proponon kaj laŭ sciigoj el lia ĉirkaŭaĵo, li intencas skribi eĉ libron pri siaj spertoj en violonkonstruado.

Kiel estinta lernanto ĉe la konata viena violonisto Rose, Dobrozemský mem ludas bone violonon.

(Laŭ slovaklingva gazeto „Sloboda".)

* * *

*LAŬ DECIDO DE SES nia venonta kongreso estos en orientslovaka urbo Košice. Tial ni enpresis pri ĝi kelkajn artikolojn de tieaj samideanoj, por alproksimigi al vi tiun angulon de nia patrujo.*

# PRI KELKAJ SKOLTHEROAĴOJ

Kiam ni eksciis, ke la Pacĵamboreo okazos en Francujo, ĉiuj trupoj komencis elpensadi skoltheroaĵojn, kiuj estas bonaj rimedoj por pligrandigi la klopodemon. Fakte estis nur 10.000 francaj skoltoj, kiuj rajtis partopreni la ĵamboreon, sed pli ol la trioblo dezirus partopreni. Do la francaj skoltestroj decidis elekti la partoprenontojn inter la plej viglaj skoltoj, kiuj kapablas fari skoltheroaĵojn.

Nun mi rakontos al vi tion, kion kelkaj patroloj faris por esti elektitaj.

Patrolo de Montargis konstruis „Montgolfier'an" aerostaton. Jes, ĝi estis vera aerostato; la laboro daŭris tri monatojn. Pensu do: ĉio estis farita el gluita papero kaj tafto. Mirinde, kiam la tago de la heroaĵo alvenis, antaŭ la komisarioj la aerostato funkciis bone. Ĝi eksaltis ĝis ses metroj, oblikvis maldekstren, kaj frakasaĝis kontraŭ malgranda muro.

Patrolo el Arras tradukis libron de Guy de Larigaudie: „Etoile au Grand Large" (Stelo en la Granda Marmezo). Por vi, fremdaj fratoj ni klarigos, kiu estis Guy de Larigaudie. Li estis la modelo por la francaj kaj eĉ por la ceteraj skoltoj. Li foriris de la ĵamboreo en Nederlando kaj veturis ĝis Saigon trans Eŭropo kaj Azio per malnova aŭto. Oni povas demandi al si, ĉu la patrolo tradukis tiun libron en iun vivantan lingvon aŭ en esperanton? Pli bona estis la laboro de tiuj skoltoj: Ili tradukis la libron en brajlan blindulskribon! Tiel ili kombinis heroaĵon kun bona ago.

Alia patrolo de Arras esploradis la katakombojn de tiu ĉi urbo, kio estis bona helpo al la Scienca akademio. — La Mevoj, patrolo de la 12a trupo en Versailles, iris de tiu urbo ĝis Le Mans, uzante rulkurilojn. Vojaĝo de pli ol 200 kilometroj. La Mevoj kunportis leteron de la episkopo en Versailles al tiu en Le Mans. — Skoltoj en Strassbourg konstruis aŭton el malnovaj konsisteroj, kiujn ili trovis sur proksima batalkampo. Per tiu aŭto ili intencis veturi al la ĵamboreo.

Karaj skoltgefratoj, tiuj ĉi heroaĵoj estas nur kelkaj el la multaj, kiujn niaj knaboj faris antaŭ la ĵamboreo. Ni ne nur esperas, sed firme kredas, ke per heroaĵoj la skoltoj akiris iom da klopodemo, kiun ni rigardas kiel gravega por ĉiu skolto, kiu volas esti ĉiam preta.

Franca skolta ligo esperantista.

# EKSTERLANDA MOVADO

HUNGARUJO. La hungara ŝtata fervojdirekcio oficiale subtenas esperanton kaj dekretis, ke en ĉiu grava stacio kaj limstacio estu fremdlingvon scianta oficisto. Kiu scias esperanton, ricevos preferon, eĉ translokigon! En centra stacidomo en Budapest grandegaj tabuloj sciigas la adresojn de delegitoj kaj kunvenejoj. (Paŭlo Balkányi.)

ANGLUJO. The Esperanto Publishing Co, Ltd, Heronsgate, Rickmansworth, Herts eldonis tre interesan kaj belaspektan libreton: ARBOJ DE LA ARBARO KAJ KAMPO. Ĝi taŭgas ne nur por ĝardenistoj, sed por ĉiu amanto de la naturo. Prezo 7 rpk.

FINNLANDO. La finnlingva gazeto „Uusi Päivä" publikigis en esp. rubriko artikoleton pri nia gazeto kaj pri esp. movado en Ĉeĥoslovakujo. — Dum pasinta somero oni povis rimarki ekintereson de multaj finnaj ĵurnalistoj al la internacia lingvo. Okaze de la somera kurso en Jämsä en julio preskaŭ ĉiuj tagĵurnaloj kaj revuoj publikigis favorajn artikolojn pri esperanto kaj ĝia movado.

NEDERLANDO. Ni ricevis 58-paĝan libron: ESPERANTO 60-JARA, kiun eldonis Libroservo F. L. E. en Amsterdam-W. Pro manko de tempo (la libro estis al ni enmanigita nur hieraŭ) ni ne povas ĝin pli detale recenzi.

---

LA DIPLOMATO.

— Diru, Geĉjo, ĉu vi rigardas tra la ŝlosiltruo, kiam mi sidas kun via fratino?
— Nur kelkfoje, kiam ne rigardas la patrino...

(„Slovenský svet".)

---

**ESPERANTISTO SLOVAKA.** Vychádza mesačne — Adresa: TRENČÍN, Kukučínova 1524 — Zakladateľ: Arnošť Váňa — Redigujú: E. V. Tvarožek a Ján Lamačka — Ročné predplatné 60.— Kčs, pre členov „Slovenského Esperantského Sdruženia" len 30.— Kčs — Uznávame len platby, poslané na šekový účet č. S-11633 - Ján Lamačka, Trenčín alebo iným spôsobom tam zaplatené — Novinové výplatné povolené pod číslom 34.900-I-1947. — Dohliadací a podací poštový úrad v Trenčíne —
**ESPERANTISTO SLOVAKA.** Aperas monate — Adreso: TRENČÍN, Kukučínova 1524, ČSR, Slovakio — Fondinto: Arnošt Váňa — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj Ján Lamačka — Abonprezo por eksterlando: 6 svisaj frankoj aŭ egalvaloro en libroj.

Tlačiareň - Presejo: V. Čelko a spol., Trenčín, ČSR.



